# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

**PLENUMITA 04/10/2014 Cent okdek kvina eldono 04/10/2014 SENDITA (unua eldono 20/09/2011)**

**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Nicole Else**



**SENDATA AL 275** La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj


**Brunaj literoj signifas reuzatan sed gravan informon** **ABC malnova**

Nigraj literoj signifas novan aŭ ĝisnunigitan informon **ABC nova**

Ctrl+alklaku la verdajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Esperantajn ligojn

Ctrl+alklaku la bluajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Anglajn ligojn

**Pasintaj numeroj de 'A E'** http://aea.esperanto.org.au/australiaj-esperantistoj/?lang=eo

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

## Esperanto Pocket Textbook estas PROPAGANDILO

Uzu, fordonu, semu Esperanto-semojn. Ne lasu kopiojn sur bretoj.

Du pecoj de A4 papero bezonataj por presi la 32-paĝan libreton http://aea.esperanto.org.au/sxlosilo/?lang=eo

★★★★★ ★★★★★ ★★★★★ ★★★★★ ★★★★★

## 39. LA GRAMATIKO DE ESPERANTO.

### Kombinaĵoj de vortoj. C.



En la dua speco de memstaraj kombinoj unu Propoziciparto, Subjekto, ktp., konsistas el adicio de du bilderoj, de du memstaraj partoj. Tiuj memstaraj partoj (elementoj) kombiniĝas per la samaj vortetoj kiel menciitaj en la antaŭa leciono: "kaj, aŭ", ktp. Jen ekzemploj: (Subjekto:) "La patro kaj la filo veturigas laŭvice"; (Verbo:) "Ni piedpilkos aŭ biciklos morgaŭ"; (Objekto) "Mi manĝas nek viandon nek ovojn"; (Adjekto:) "Ni ludos morgaŭ, sed ne postmorgaŭ". Notu ke ambaŭ elementoj de la kombinaĵo estas en la sama kazo (Nominativo: patro, filo; aŭ Akuzativo: viandon, ovojn. Notu ankaŭ, ke ne plu traktatas la kombinado de funkciesprimoj (Subjekto, Predikato, ktp.), kiu estas alia maniero de kombinado ol la du nun traktataj.

Marcel Leereveld. ★

**Estontaj kompetentaj Esperantistoj aŭskultas la retradion ĉiun tagon** http://members.aon.at/aldone/peranto/index.html

**Klaku, Aŭskultu, Spertiĝu**

**EsperantoTV** http://www.esperantotv.net/ http://www.tikilive.com/show/esperantotv

## AEA kongreso 2-11 januaro 2015

http://aea.esperanto.org.au/congress **Venu !**



# La Melburna Esperanto-Klubo

Kara Roger,

Malfruajn gratulojn pro la trijara datreveno de via novaĵletero. Jen kelkaj aferoj por ĝi. Mi ne scias viajn regulojn pri reklamado, do, se vi ne volas enmeti la ĉemizojn (kiujn mi mem vendas por profiteto), ne gravas al mi. Ankaŭ, Kam lastatempe vizitis nin en Melburno kaj havas fotojn de la grupoj, do, se li ne sendas ilin al vi, ĉasu lin! Bondezire, Jo Johns




La komencantoj kunvenis hieraŭ (la 21an) ĉe nia kutima kafejo kaj bonvenigis gaston el Tasmanio - Kam Lee, kiu vizitas Melburnon ĝis merkredo. Mi ĉiam forgesas preni fotojn de niaj kunvenoj, sed bonŝance Kam neniam maltrafas oportunon por organizi foton de ĉiuj!

# Esperantaj Ĉemizoj




Mi dezajnis kelkajn esperantajn ĉemizojn, kiuj estas aĉeteblaj en diversaj koloroj kaj stiloj (inkluzive de glumarkoj, se vi volas ĉemizon) ĉi tie: http://www.redbubble.com/people/raevan/collections/261040-esperanto

Jo Johns (navear@gmail.com)

# Tri jariĝo de la „Aŭstraliaj Esperantistoj“

Kara Roger !

Dankon pro la bona "Aŭstraliaj Esperantistoj", kiun mi legis kun ĝojego.

Mi rimarkis, ke tre multaj bonaj, eĉ bonegaj, gesamideanoj laŭdis kaj gratulis vin pro la 3-jariĝo de nia populara "Aŭstraliaj Esperantistoj", kaj iomete hontas, ke mi mem tute ne pensis pri tio. Eble estas vere, ke oni laŭ la pasado de la jaroj fariĝas pli kaj pli forgesema.

Do, bonvolu pardoni min !!!

Kaj jen la surprizo, nun mi, kvankam malfrue, gratutas vin kaj Nicole, kaj ĉiujn aliajn, kiuj helpas vin krei tiun eksterordinaran bonegan novaĵleteron, kiu tre plaĉas al mi !

Kaj kiel donacon al vi, por ĝojigi vin, mi aldonas malgrandan poemon, kiu havas profundan signifon por ni ĉiuj, ni, kiuj profunde amas Esperanton.

Ĝin verkis Poŭlo Thorsen antaŭ multaj jaroj, sed ĝi ankoraŭ havas gravan mesaĝon, do jen ĝi:



## Dedukto

Se ni pro la novuloj
nacilingve en kluboj babilas,
laŭ similaj reguloj
lerni naĝon sen akvo utilas.

**Plej amike,**
**Bob Felby**

# “Aŭstraliaj Esperantistoj” Monda Gazeto?

Kvankam malfrue, ankaŭ mi aliĝas al la vico de gratulantoj. Daŭrigu tiel!
Regule mi ricevas viajn reteldonojn el Aŭstralio, kiujn vi sendas.
Nun, mi provis elŝuti ankaŭ la malnovajn numerojn, por stoki en la Germana Esperanto-Biblioteko Aalen. Amikece Utho

# Telopeo



vi menciis Hitler-on en la plej nova AE (AE184.)
Legantoj de Telopeo jam scias ion pri la japanaj soldatoj de la dua mondmilito, pro leteroj tradukitaj en Esperanto, kiun mi aperigis lastatempe. La finaj paĝoj aperos en la venonta/j Telopeo/j. Tiu fina parto estis verkita en prizono, en la horoj antaŭ lia baldaŭa morto - kiel perfidulo, aŭ pro alia agado eble nur pardonpeto pro la agoj de la japanaj soldatoj.
Estis ege longa letero do mi volis prezenti ĝin en mallongaj porcioj.
Do se vi povas atendi ĝis la fino de la jaro, vi legos pensojn de 'viktimo' de la japana militsistemo. Laŭ mia legado, li hontis pri la morto de tiom da nejapanoj. Ĉu la sekvantoj de Hitler ankaŭ hontas, aŭ ĉu ili estis tiel timigitaj ke ili ne pensis pri siaj agadoj.
Estis klare ke ne ĉiuj japanaj soldatoj estis volontuloj (kiel okazis en ĉiuj militoj) sed la skribinto donis siajn pensojn ŝajne de la koro.
Margaret Chaldecott

Korŝira letero de la juna pendigoto. Kia ironio ke, (ne malkuraĝigita de nia propra nuna gubernio) Japanio ankoraŭ foje fleksas siajn muskolojn armileme.. Vera Payne

# "Tra la lando de kanguruoj"



*Tibor Sekelj*

Karaj aŭstraliaj esperantistoj,
Mi sendas ĉi tiun mesaĝon nur al kelkaj el vi, sed rajtigas vin dissendi ĝin al viaj aŭstraliaj kaj nov-zelandaj kolegoj kaj al aliaj ŝatantoj de la verkaro de Tibor Sekelj, la fama Esperanta verkisto kaj mondvoĵaĝanto.
Mi estas Esperanta eldonisto, kiu en 2013 kaj 2014 publikigis du liajn verkojn: "Padma, la eta dancistino" (pri Hindujo) kaj "De Patagonio ĝis Alasko" (pri Ameriko). "Padma" estis proklamita "Infanlibro de la jaro" dum la ĉi-jara UK en Bonaero, kaj "De Patagonio ĝis Alasko" estis tre komplika komuna tradukprojekto, kiu donis bonan rezulton, kaj en kiu partoprenis 25 tradukantoj.
Interparolante kun la vidvino de Tibor Sekelj, mi elektis ankorau du liajn verkojn, kiuj ankoraŭ ne ekzistas en Esperanto. Unu el tiuj estas **"Tra la lando de kanguruoj",** kiu rilatas liajn vojaĝojn tra Aŭstralio kaj Nov-Zelando.

Ĝi konsistas el 15 ĉapitroj: 1) Laŭ la vojoj de la kvina kontinento, 2) Sinjorino Hezlak kaj ŝia mondo, 3) En la urbo de la rompita monto, 4) En la ĉefurbo sen piedirantoj, 5) Du tagoj kun homoj el la vilaĝo Blato, 6) Mirko en Alice Springs, 7) La bestoj de Aŭstralio, 8) La sovaĝiĝinta faŭno, 9) En la aŭstralia okcidento, 10) Sklavoj de opalo, 11) Ĉasante krokodilojn, 12) Spirita vivo kaj arto, 13) Ni promenu tra Nov-Zelando, 14) Surakva karnavalo, 15) Majoro Denvir plantas florojn.

Por tiu ĉi libro estos denove organizita grupo de tradukantoj, kaj la libro laŭplane aperus antaŭ la 100-a UK en Francio.

Ĉar vi certe scias, ke la Esperanta eldonado troviĝas en neenviinda situacio, mi sendas mian inviton al vi, kaj al aliaj esperantistoj de Aŭstralio kaj Nov-Zelando, por finance subteni publikigon de ĉi tiu verko pri via(j) lando(j).

Liston de subtenantoj mi aperigos en la libro mem kaj en la gazeto "Zagreba Esperantisto", kaj diskonigos ankaŭ per aliaj informkanaloj. Tiel ankaŭ vi, kiuj mem ne partoprenos en la tradukado, povas fariĝi parto de nia teamo.

Tibor Sekelj, kiu la ideon de Esperanto semis tra la tuta mondo, certe meritas vian atenton kiel esperantisto kaj verkisto.

**Se vi decidos subteni mian proponon, vian financan subtenon vi povas transpagi al mia konto *plea-k* ĉe UEA, kun la mencio "Tra la lando de kanguruoj". Mi petas, ke samtempe vi sendu mallongan retmesaĝon al mi, kun via reta kaj poŝtaj adresoj.**

Anticipan dankon pro via atento kaj subteno!

Josip Pleadin (Kroatio) <grafokom@kc.htnet.hr>

Margaret Chaldecott



## Estimata Samideano
## Roger Springer

# Elkoran Saluton el Brazilo!

La 1-an de Oktobro pasis la Internacia Tago de Muziko

Tre kara amiko Roger Springer

Fratecan Saluton el Plensuna Brazilo!

Ni, la teamanoj de Esperanto-fako de Legio de Bona Volo, kore dankas Vin pro aperigo de nia dankmesaĝo, kun aliro al LBV-retejo, en ĉi tiu numero de via "Aŭstraliaj Esperantistoj" .

Ni kaptas la okazon esprimi niajn elkorajn gratulojn al Vi kaj al viaj kunlaborantoj pro la 3-jariĝo de tiu alloga, riĉenhava informilo eldonata de Vi.

Jen al via koro la suba penso de la edukanto Paiva Netto:

--------------------------------------------------------------------------------

***"Kiam la motivo estas justa, tiam ordinara homo batalas kiel leono. Ne necese temas pri heroo, la ordinara homo estas la heroo".***

--------------------------------------------------------------------------------

Kun plej bondeziroj pri sukceso por via homama laboro, longvivu "Australiaj Esperantistoj"!
Samideane kaj amike, Maria Aparecida www.bonavolo.com

# Alan Bishop gvidas la koruson.



Jen filmeto farita dum la Universala Kongreso en Bonaero 2014 en kiu Alan Bishop gvidas la koruson. Amike, Nicole
https://www.youtube.com/watch?v=DJcoK4Mm4KU#t=114

# Esperanto por UN

Informilo de Septembro 2014 de "Esperanto por UN"
Septembro 2014 (Legu ĝin ankaŭ en la reto: www.esperanto-un.org/informiloj)

**Universala Kongreso aprobis rezolucion pri lingvo kaj daŭripova evoluo**

**UEA reprezentiĝis en la Konferenco de Neregistaraj Organizaĵoj, organizita en Novjorko de la Fako de UN pri Publika Informado**

**Fettes: UN devas fronti lingvajn demandojn**

**Ni plu petas vin pri financaj kontribuoj, por ke ni povu daŭrigi nian laboron ĉe UN:**

**TUTMONDE:** per pago de iu ajn sumo, eta aŭ ne, **al nia UEA-konto "novj-w"** (ne forgesu kopie sendi mesaĝon pri via pago al *info@esperanto-un.org*, por ke ni sciu pri via pago).

# KLUBNOVAĴO





Mi ŝatus legi la klubnovaĵojn
Leganto de AE











## Informas la aktivaj kluboj kaj grupoj



| Lokaj Aŭstraliaj Esperanto-Kluboj<br>Listigitaj en la AEA ret-paĝoj kaj Aliaj | Vidu<br>AE184 | Vidu<br>AE185 |
|---|---|---|
| AEA informas | | AE185 |
| La Brisbana Esperanto-Kafklubo | | |
| Brisbana Esperanto-Societo | | |
| Centra-Marborda Esperanto-Klubo | | AE185 |
| Esperanto Federacio de Nov-Sud-Kimrio | AE184 | AE185 |
| Esperanto en Sudaŭstralio | AE184 | |
| Esperanto-Federacio de Viktorio | | |
| Esperanto Kafo Klubo De Kanbero | | |
| Esperanto-Ligo de Okcident-Aŭstralio | | |
| Esperanto-programo de 3ZZZ Aŭstralia | | |
| Manlia Esperanto-Klubo | AE184 | AE185 |
| Melburna Esperanto-Asocio | | |
| Melburna Kafeja Grupo | | AE185 |
| Novkastela Esperanto-Societo | | |
| Or-Marborda Esperanto-Grupo | | AE185 |
| Sudorienta Esperanto-Klubo | | |
| Tasmania Esperanta Societo | | |
| Toowoomba Esperanto-Societo | | |
| Torkia Esperanto-Kafo-Klubo | | |
| | | |
| **Sendu informon pri via klubo** | | |

# AEA Informas

## Aŭstralia Esperanto Asocio

ACN 121 495 789 C/- G.P.O. Box 2122, Melbourne 3001

Alia Skype estrarkunveno okazis jaŭdon, la 2-an de oktobro, je la 17:00 (16:30) **2014-10-02**

**AEA raportas:**

Nian lastan Skype estrarkunvenon (04/09/2014) ĉeestis
Heather, Indrani, Jonathan, Kam Lee, Margaret kaj Sandor

*** VENONTA KONGRESO EN 2015 EN MELBURNO**

Ĉu ni havu du aŭ tri nivelojn..... Verŝajne tri
Ni diskutis la unuan version de la programo.
Bv proponu programerojn kaj instigu aliajn kontribui.

*** RETEJO**

Jonathan raportis ke la ŝanĝo al nia nova servilo komenciĝis.

Kion ni faru kun "mortintaj" Esperanto-retejoj?

*** ARĤIVOJ**

La ĉambro en Esperanto Domo aspektas pli bone. Ni vere bezonas iun (bibliotekiston?) kiu povas ordigi niajn aĵojn. Ĉu **vi** povas helpi???

*** ESPERANTO TV**

Ni atendu novan klaran peton de Richard.

*** ASIC**

"Deregistration" de nia kompanio estas malfacila sed ĝi okazas.

*** ELEKTADO DE NOVA ESTRARO**

Ĝi okazos dum la jarkunveno en Melburno. Heather sendos la kandatiĝformularon en novembro.

La venonta Skype estrarkunveno okazos jaŭdon, la 16-an de oktobro, je la 19:00 (18:30)

Heather, Kam Lee, Indrani, Jonathan, Margaret, Sandor



## La Manlia Esperanto-Klubo.

Anoj kunvenas la unuan kaj trian Sabaton. 10atm

Bavarian Beer Cafe, Manly Wharf; Unu taso da senpaga kafo.

04/10/14 Venu. Poste ĉinaj manĝaĵetoj ĉe la hejmo de Roger



## Central Coast Esperanto Club

Mi petas pardonon pri mia malfrueco informi vin rilate la supron.

Ni kunsidis la 14an de septembro ĉe Ken Duncan Gallery, Erina.



Partoprenis : Amy, Joanne, Julie, Jonathan, Mark, Gerry.

Pardonpeto : Marko Schmidt.

Inter alie, Jonathan serĉis ideojn pri agadoj por la estonta somera kursaro en Melburno.

Gerry Phelan



## Esperanto-Domo Sidnejo

Dimanĉon la 28an de septembro 11atm Estrara kunveno kaj diskuto pri kiel allogi estontajn anojn. Poste amuz-programo.

Entute 17 homoj subskribis la Bonvenigan libron. Ankaŭ kelkaj ne subskribis.

Kiel kutime estis sukcesa programo.



Ĉe la septembra kunveno la estraro mallonge menciis la Zamenhof-Tagon sed ne estis sufiĉa tempo por diskuti iujn detalojn/proponojn pri ĉi jara Zamenhof tago kaj fari decidojn.

La fina formo de ĉi jara Zamenhof-Tago estos diskutata de la estraro dum la oktobra kaj novembra aferkunvenoj. Ĉiuj estos bonvenaj ĉe tiuj aferkunvenoj kun proponoj aŭ sendu sugestojn al mi por la estraro. (rspring@tpg.com.au)

Zamenhof-Tago kutime estas la plej sukcesa evento ĉe ED kaj esperante ke ĝi daŭre estos tiel sukcesa.
Roger Springer Prezidanto EFNSK por la Estraro




Tre bona 15-minuta elsendo pri Esperanto ĉe la ĉefa kanalo de la rumana televido.
http://stiri.tvr.ro/vorbiti-esperanto--intre-ciudatenie-lingvistica-si-sistem-international-de-comunicare_50604.html Amike, Nicole

maitland city council

**River Lights**
**multicultural festival**
**Sabato 11 Oktobro 14**

Neniuj Esperantistoj prezentis sin je ĉi-tiu okazo. Eble sekvonta jaro? Andrew Spannenberg

# EsperantoTV



## Robert Poort | Intervjuo Kun Robert Poort, la Asociita Produktoro de Esperanto-TV

By Acting Australia | Septembro 26, 2014

**Lastatempe Roberto Poort avancis de oficiala reprezentanto de Esperanto-TV ĝis asociita produktoro. Oni kaptis la ŝancon intervjui lin pri liaj pensoj de la filmindustrio kaj esperoj de la estonteco.**

## Saluton, Robert. Por komenci, ĉu vi povas iomete prezenti vin al niaj legantoj?

Saluton Antonio, kaj dankon por la intervjuo. Mi estas 61-jaraĝa nederlandano kiu jam pli ol 20 jarojn loĝas en Las Vegas, Nevado, Usono. Profesie mi jam dum multaj jaroj laboras kiel stevardo kun granda usona flugkompanio, do mi vojaĝis tra la tuta mondo. Kompreneble mia profesia posteno interese kongruas kun mia deziro esti mondcivitano. Nia familio, kiu entenas 5 gefilojn kaj jam 12 genepojn, estas multkultura kaj mult-rasa. Mia edzino Telekaki naskiĝis en la sudpacifika Tonga-Insularo, kaj niaj bogefiloj aldonis eĉ pli da kolora miksaĵo al nia familio. Mi pli-malpli mem-esperantiĝis antaŭ kvar jaroj per la lernolibro "Teach Yourself Esperanto" kaj ankaŭ mia loĝloko en la nevada dezerto substrekiĝas iomete da izoleco kiel Esperantisto. Sed danke al la Interreto mi ne sentas min tute sola, ĉar ni nuntempe vivas en virtuala mondo, ĉu ne? Mi speciale interesiĝas pri radio kaj televido en Esperanto.

## Kion vi opinias pri la ebleco krei veran televidon per Esperanto?

Rilate la temon, mi pensas ke ni evoluiĝis de la oftaj obskuraj YouTub-filmetoj ĝis la starto de televida programaro en Esperanto. Kvankam YouTube (kaj aliaj similaj retejoj) kompreneble estas grandioza fenomeno, ni devas krei kulturan centron kie ni integrite prezentas altkvalitajn filmmaterialojn, kaj teknike kaj enhave. YouTube pli kaj pli fariĝas ĝangalo de kaj bonegaj kaj teruraj filmetoj, ofte kun malrespekto de kopirajtoj, kun ĝenaj reklamoj tra la ekrano, kie filmoj post la unua prezentado izolece enarkiviĝas, almenaŭ ĝis kiam iu diligenta Esperantisto mirakle povas denove trovi ilin. Esperanto bezonas sian propran televidan medion kun tutmonda senĉesa elsendo, kie oni ankaŭ povas facile trovi kaj rigardi unuopajn filmojn ĉiam kaj laŭplaĉe. ETV, Esperanto Televido realigis tiun revon, danke al la plej lasta tekniko, kaj ankaŭ pro tio ke nuntempe ĉiu Esperantisto kun moderna kamerao povas kontribui al nia komuna agado.

## Vi estas en la skipo de Esperanto-TV, sed vi mem jam havas vian propran retejon, Studio. Ĉu tio ne kaŭzas konfliktojn? Kiamaniere viaj antaŭaj spertoj influas en tiu kunlaborado?

Studio estas radio-televido-portalo kie mi prezentas gamon de radi- kaj televid- iniciatoj, kaj ETV estas la plejlasta evoluo en tiu fako. Ĝi tute ne kaŭzas konflikton sed, male, montras ke nia komuna agado similas stafetkuradon, kie ni ĉiuj kunlaboras por komuna celo. Parenteze, kiel redaktanto de Studio mi ĉiutage spertas ke Esperantistoj ne nur bezonas komunan lingvon sed ankaŭ, kiel ĉiuj homoj, bezonas pli bonan kunlaboron, dialogon kaj interkomprenon. Ni jam solvis la lingvan problemon, kiu povas esti bazo por interkultura kaj interhoma aprezo. En nia epoko de rapidega evoluo ni nepre devas kompreni ke niaj iniciatoj rilataj al Esperanto simile rapidege ŝanĝiĝas. Por Studio, tio signifas ke mi, kiel redaktanto, ekde la komenco jam sciis ke, post iom da tempo, naskiĝus pli bona iniciato kiu povus anstataŭi la Studio-retejon… kaj mi bonvenigas tian evoluon. Do, mia celo ekde la komenco estis kunlabori kun aliaj por ke ni komune povu krei eĉ pli bonan medion por radio kaj televido en Esperanto!

## Do kio estas via tasko en Esperanto-TV?

Nu, la ETV-teamo fakte ĵus komencis la kunlaboradon en aprilo de 2014, do ni ankoraŭ serĉas la plej efikan manieron por kontribui. Mi nuntempe komunikas kun pluraj redaktoroj de retpaĝoj kaj kun multaj amatoraj kaj profesiaj filmistoj por kunmeti interesan, altkvalitan tv-programon. Ni celas inkludi ĉiujn kunlaboremajn Esperantistojn, kaj tio signifas multegon da retpoŝtaj kontaktoj. Pli kaj pli filmistoj jam mem kontaktas la ETV-teamon por prezenti siajn filmojn, kaj reprezentantoj de E-grupoj kaj institucioj pli kaj pli interesiĝas pri ETV. Kiel ETV-reprezentanto mi tre impresiĝas pri la forta deziro kunlabori fare de tiom multaj samideanoj.

## Kion vi opinias pri la aliaj anoj de la skipo?

Kiel ETV-teamo, en Sidnejo-Aŭstralio kaj aliaj mondpartoj, ni bonege kunlaboras, kaj ni ĉiuj havas niajn unikajn talentojn por kontribui al la televido en Esperanto. Se mi povus mencii unu kunlaboranton speciale,

ĝi estus nia produktoro Richard Delamore kiu tiel diligente kaj senĉese laboras por realigi nian komunan televidan projekton. Por gvidi iniciaton kiel ETV oni nepre bezonas eternan kuraĝon kaj paciencon, kaj li jam montris ke li absolute ne rezignos ĝis ni atingos nian celon. Estas plezure kunlabori kun tiaj dediĉitaj kaj deciditaj kolegoj!

## Kiuj estas viaj esperoj por ETV?

ETV esperable fariĝos centro kie Esperantistoj televide konektiĝas, kie filmistoj prezentas siajn verkojn, kie ni dubligas, subtekstigas kaj plibonigas filmojn. ETV jam prizorgas senĉesan tutmondan elsendon, kaj ni daŭre serĉas novajn lokojn por prezenti niajn programojn. La fejsbuk-grupo "Esperanto" kun pli ol 14.000 membroj jam decidis permanente aldoni ETV-on kiel "fiksita afiŝo" al sia paĝo, ĉar ETV dinamike montras ke nia lingvo vivas! Oni nun simile povas aldoni la ETV-fenestron al iu retpaĝo aŭ blogo. Pli kaj pli Esperanto-organizaĵoj subtenas kaj kunlaboras, ĉar ETV donas al ili la plej efikan manieron por disvastigi ilian mesaĝon. Tiel, ETV fariĝos grandskala kunlaboro inter multaj Esperantistoj por televide prezenti, ĝui, kaj kunhavi nian amatan lingvon.

## Dankon, Robert. Mi esperas ke vi denove donos al mi la eblecon intervjui vin post ioma tempo por sciigi niajn legantojn pri la evoluo de la projekto kaj de via vidpunkto…

## Ĉu ĉi tiu intervjuo plaĉas al vi?

Se jes, diskonigu ĝin al ĉiuj viaj amikoj, kaj informu ilin pri Esperanto-TV. Intervjuo farita de "H. H".
Richard Delamore sendis al AE




Jen mi tradukis tion al Esperanto. Amike, Nicole








Ĉu la kutimo ŝanĝi la horon por somero malmodiĝas?
Roger Springer